# ESPERANTO EN AFRIKO

Bulteno de la Afrika Komisiono de UEA — Numero 27 (2016: 2)

*Karaj legantoj,*

*Pli kaj pli la bulteno atingas vin akurate, kaj laboro ankoraŭ estas farata por ke ĝi reakiru sian dekomencan jaran aperkvanton.*

*En tiu ĉi nova numero legeblas, krom novaĵoj pri okazaĵoj en la kuranta jaro en la kontinento, la agadraportoj de unuopaj landaj asocioj kaj kluboj pri la ĵus pasinta jaro. La ĉefa agado de la jaro estos la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto (AKE) en Bunda, Tanzanio, ĉi-jarfine. Afrika Kongreso estas fakte io grava por Esperanto kaj por afrikaj esperantistoj en la kontinento. Ĉi-jara kontinenta renkontiĝo estas destinata al sukceso, kun multaj geesperantistoj el diversaj landoj kaj kontinentoj.*

*Sperto dum jaroj ankaŭ montris, ke fariĝis treege malfacile al afrikanoj akiri alikontinentajn vizojn por ĉeesti en tieaj renkontiĝoj. Alternativo al tio sendube estas propra kontinenta kongreso, kaj kaze de Tanzanio la problemo pri akiro de vizo malaperas. Solvendas nur la problemoj de alveno kaj de restado precipe de meritplenaj gejunuloj el la najbaraj landoj kun financaj problemoj. Pri tio ĉiuj ja povos fari ion, ekzemple, informi siajn gekonatojn pri tiu aspekto, peti ilin kontribui por la solvo de la problemo aŭ pli bone inviti ilin mem aliĝi al la kongreso, ĉar per simpla ĉeesto oni certe ankaŭ helpos al la disvastigo de Esperanto surloke.*

*Kune ni faru tiel ke la 6-a AKE fariĝu io, kio ebligos al la afrikanoj kaj alikontinentanoj lertiĝi movade, intense praktikante la internacian lingvon. Antaŭdankon pro ĉiu subteno!*

*Bonan legadon!*

***Adjévi Adjé***

************************************

# Esperanto kiel ilo por paco kaj disvolviĝo ĉi-jarfine

Bunda, Tanzanio estos la ĉefurbo de la afrika Esperantio ĉi-jare! Dudekoj jaroj post la 4-a Afrika Kongreso en la alia tanzania urbo Arusha Moshi, ne malpli ol 70 personoj el proksimume 10 landoj estas nun atendataj por la 6-a tutkontinenta kongreso ĉe la porinstruista lertigejo BTC, de la 24-a ĝis la 31-a de decembro.

Prepare al tiu grava renkontiĝo, membro de la Afrika Komisiono Jérémie Sabiyumva faris vojaĝon al la lando de la kongreso por tie renkonti lokajn esperantistojn kaj viziti la kongresejojn, en la pasinta januaro. Laŭ li *La surlokaj kondiĉoj estas favoraj kaj konvenaj por la 6-a Afrika Kongreso de Esperanto. Kun la membroj de la Kongresa Organiza Komitato (KOK) okazis kunveno en la ĉeesto de ŝtatoficisto pri turismo sinjoro Dominant, kiu volonte donis kelkajn konsilojn pri la ekskursejoj*, klarigas Jérémie poste.

La 6-a AKE estos multflanke speciala. La afrika movado iĝos ĉiam pli forta, kvankam el la ekonomia vidpunkto la vojo ŝajnas ankoraŭ pli longa. La demokrata elekto de multaj afrikanoj (2013) okazigi sian kongreson en ofteco de tri jaroj realiĝos. La tanzania landa asocio TEA eluzos la situacion por atingi maturiĝon por formale peti aliĝon ĉe UEA. Ĝi ankaŭ profitos la spertojn kaj helpojn de landaj reprezentontoj por konstrui TEJO- kaj ILEI-sekciojn.

La kongreso havas kiel temon "Esperanto, ilo por paco kaj disvolviĝo". Tiu ĉi estos pridiskutata en atelieroj kaj diskutoj dum la semajno. La kongreso lige kun AMO-seminario de UEA havos riĉan kaj diversan programon: prezento pri afrikaj asocioj, laborkunvenoj, studsesioj, diskutrondoj, kulturaj okazaĵoj, sportaj ludoj, spektado de filmoj, ekskursoj (muzeo de la unua ŝtatlanda prezidento, la dua afrika bestoparko kaj Esperanto-lernejo de Marambeka), ktp.

10 personoj el 8 landoj sur 2 kontinentoj jam aliĝis, retpaĝaro http://esperanto.kr/?p=1325 en Azio prezentas pri la kongreso. La varbilo, reta aliĝilo, partoprenlisto kaj la provizora programo pretas ĉe: ake-2016@yahoogroupes.fr. aŭ ĉe www.esperanto-afriko.org. Oni elektu "AKE-2016". Simple la organizaj laboroj staras sur bonaj reloj!

La 1-a Afrika Kongreso okazis en Notse, Togolando (1990-1991), la 2-a en Kotonuo, Benino (1991), la 3-a en Winneba, Ganao (1994-1995), la 4-a en Arusha Moshi, Tanzanio (1995-1996), la 5-a en Kotonuo (2013-2014). Ĉi ĉiujn kongresojn organizis la Afrika Agado ankaŭ konata ekde la 2000-a jaro sub la nomo Afrika Komisiono, en kunlaboro kun respektivaj landaj asocioj, grupoj kaj aliaj organizoj agantaj en la kontinento.

**Afrika Komisiono**

# Kiel atingi la kongresan urbon Bunda, Tanzanio ?

Ekzistas multaj ebloj, jen kelkaj el ili.

1. De Dar es salaamo [Daresalamo] – la ĉefa ekonomia centro kaj la iama ĉefurbo kun la internacia flughaveno – per aviadilo al la urbo Mwanza kaj de Mwanza al Bunda per loka aŭtobuso. Ekzistas multaj aŭtobusoj, kiuj veturas inter Mwanza kaj Bunda dum ĉiu tago.

2. Eblas ankaŭ veturi per aŭtobuso de Daresalamo al Mwanza. En tiu kazo, oni nepre devos tranokti en Mwanza, kaj de tie la sekvan tagon veturi al Bunda.

3. Ankaŭ eblas per rekta aŭtobuso de Daresalamo al Bunda. La vojaĝo daŭras inter 18 kaj 24 horojn. Se sufiĉe multaj homoj emos vojaĝi laŭ tiu vojo, la Kongresa Organiza Komitato (KOK) aranĝos grupan vojaĝon de Daresalamo al Bunda.

4. Alia itinero estas de Kilimanĝaro (Arusha) per aviadilo al Mwanza, kaj de Mwanza al Bunda per linia aŭtobuso, aŭ de Arusha per aŭtobuso kun tranokto en Mwanza kaj de Mwanza al Bunda.

5. Ankaŭ eblas per rekta aŭtobuso de Arusha al Bunda tra Ngorongoro kaj Serengeto – naciaj parkoj. La veturo per tiu vojo daŭras proksimume 10-12 horojn, sed antentu: la alilandanoj devos pagi 100-120 EUR por transiri tiujn du naciajn parkojn.

7. Certe plej facile por multaj alilandanoj estas veni al Bunda el Najrobio, Kenjo, per rekta aŭtobuso. Eblas ankaŭ de Najrobio per aviadilo al Mwanza kaj poste per aŭtobuso al Bunda.

Ĉiuokaze, estus pli bone, ke ĉiu vojaĝonto al la 6-a AKE antaŭe komuniku kun la organizantoj por ricevi specifajn konsilojn pri kiel atingi la kongresejon. La ĉefa kontaktadreso por la kongreso estas: ake-2016@yahoogroupes.fr

# Superrigardo pri la urbo de la 6-a Afrika Kongreso

La unuaj semoj de Esperanto estis disŝutitaj en la urbo Bunda jam komence de la jaro 1982. Du jarojn poste fondiĝis *Bunda Esperanto-Klubo*, kiu estis gvidata de s-ro Mramba Simba kaj liaj kolegoj Julius de Magese, Kulwa Mbulumatare kaj aliaj. De tiam la movado floris kaj multaj homoj esperantistiĝis.

Dum dekoj da jaroj la movado disvastiĝis pozitive en la urbo kaj en ĝiaj ĉirkaŭaĵoj ĝis malproksimaj vilaĝoj. Tiam ekfondiĝis pliaj Esperanto-kluboj kiel *Bugoji klubo*, *Kangetutya klubo* k.s. Poste la movado laŭgrade komencis malfortiĝi pro diversaj kialoj i.a. la malbonfarto de la ekonomia situacio kaj foriro de esperantistaj gejunuloj al grandaj urboj serĉe al bonaj vivrimedoj.

La movado en la lando komencis troti kaj sukcesplene okazis du tutlandaj kongresoj en la jaro 1992 en Daresalamo kaj en 1994 en Mwanza, danke al financa subteno el UEA. La sekvan jaron 1995 estis organizita la 4-a Afrika Kongreso, kiu okazis de la 26-a de decembro 1995 ĝis la 3-a de januaro 1996 en la urbo Moshi Kilimanĝaro. Poste sekvis silento, aŭdiĝis nur sporadaj aktivaĵoj de unuopuloj, ĉar tiam neniu vere okupiĝis pri la informado kaj disvastigo de la lingvo tra la lando.

En la jaro 2013 denove burĝonis la movado en la urbo Bunda. Oni interkonsentis relanĉi la klubajn agadojn, sekve estis fondita grupo el veteranaj esperantistoj sub la nomo *Bunda Esperanto-Rondo*. La ideo poste disvolviĝis kaj etendiĝis al esperantistoj en 5 regionoj ĉirkaŭ la lago Viktorio. Sekve estis aranĝitaj sukcese du renkontiĝoj en Mwanza la sekvan jaron.

Tiuj kunvenoj eĥiĝis translande, kaj jen sentiĝis bezono revigligi la landan movadon, kaj per tio restarigi la landan asocion TEA por finhavi statuson de aliĝinta asocio ĉe UEA.

Kaj en la korespondado de bundaj e-istoj kun Afrika Komisiono venis subita peto transpreni la aranĝon de la 6-a Afrika Kongreso, kiu pro lastmomenta malboniĝo de la politika situacio ne povos plu okazi en Burundo, kiel antaŭvidite. Kolegare kaj volonte ni akceptis transpreni la preparlaborojn kaj tiel kundecidis, ke la kongreso oficiale okazos en la urbo Bunda jarfine de 2016.

Bunda estas unu el la 60 distriktoj kiuj konsistigas la Maran Regionon en Tanzanio. La regiono troviĝas nordokcidente kun landlimo al Kenjo. La urbo kuŝas borde de la ĉefa aŭtovojo, kiu ligas Tanzanion al Kenjo, Burundo kaj Ruando. La urbo estas facile atingebla.

La enloĝantoj de Bunda en la jaro 2012 estas 63.001, dum la tuta Mara Regiono entenas 260.000 personojn. Tiuj ĉi konsistas el miksiĝo de 26 etnoj, kiuj ekzistas en la tuta regiono. Tamen en la urbo Bunda enloĝas ĉ. 10 triboj; ĉiu gento havas sian kulturon, trajton, moron kaj kutimon. Tiu ĉi diverseco estas riĉaĵo, des pli ke ĉiuj gentkulturoj respektas sin reciproke.

En la urbo multaj viroj kaj virinoj vivas bigamie. Cirkumcido ankoraŭ estas praktikata por infanetoj, kvankam tiu praktiko estas kontraŭleĝa en Tanzanio. Religiaj kredoj fortas kaj disvolviĝas en la urbo. La precipaj religioj estas i.a. romkatolikismo, protestantismo, islamo, animismo, fetiĉismo; ĉiuj kunvivas harmonie.

Menciindas ankaŭ naturaj kuracmetodoj, kiuj plene funkcias per arbaj ŝeloj, folioj, trunkoj kaj radikoj. Tiu kuracarto estas populara precipe por la resanigo de osto-rompiĝo, ĝustigo kaj por flegado de multegaj aliaj malsanoj. En la urbo funkcias ankaŭ moderna medicino. Konfesia hospitalo DDH kaj la ŝtatdistrikta hospitalo Manyamanyama estas la plej grandaj kaj famaj malsanulejoj en la urbo. Apude ekzistas kelkaj privataj klinikoj.

En la urbo troviĝas diversnivelaj hoteloj, gastejoj kaj diverstipaj manĝaĵoj. La ĉefa manĝo de tanzanianoj estas *ugali*. Temas pri speco de kuirita faruno el maizo, milio aŭ kasavo. La cerealoj grandparte konsistigas la bazajn manĝaĵojn en Tanzanio. Ĉestrate aŭ en bazaroj facile aĉeteblas ankaŭ viandaĵoj, fiŝaĵoj, fruktoj, legomoj, k.s., sen forgesi refreŝigaĵojn, bierojn…

Ekonomie enloĝantoj okupiĝas ĉefe pri agrikulturo, fiŝkaptado kaj brutbredado. La nacie uzata lingvo estas *Kiswahili* [saŭhila].

Norde kaj oriente de Bunda oni havas belegajn primontajn pejzaĝajn vidojn kun kavernoj. Okcidente kaj sude sterniĝas ebena tero kun naturaj arbaroj. Fronte al oriento je 13 km staras Serengeti, la nacia parko, ĉe kies sudokcidenta flanko kuŝas la lago Viktorio en kiu estas variaj kaj bongustaj fiŝoj.

La klimato en la urbo estas mezvarma, sed ĝi elteneblas por ĉiu homa vivo. Venu mem ĝui la unikan urban panoramon, grimpante la monton Balili. Certe vi ne bedaŭros la vojaĝon al Tanzanio por kongresumi kun ni en Bunda.

Afable bonvenigas vin, krom ripoziga naturo, pacema, gastema kaj bonkora popolo de Bunda. Venu kaj certe ĉiuj viaj atendoj pri Tanzanio pozitive kontentiĝos !!!

**KOK — Kongresa Organiza Komitato**

# ''Juneco'': nova agado de la benina junulara sekcio

Sabate, la 9-an de januaro 2016, ekis la agado ''Juneco'' de Benina Organizo de Junaj Esperantistoj (BOJE). La agadprogramo celas: a) altiron de juna neesperantista publiko al Esperanto, b) kreskigon de la membraro de BOJE per varbado de novuloj, c) instigon al la varbitoj plulerni la lingvon, ĉ) veki ĉe ili la emon movadumi kaj d) baki lertajn junajn e-istojn.



La ĉefa aktivaĵo kadre de tiu ĉi programo konsistas el la lingva kurso, kiu okazas ĉiusabate inter la 17-a kaj la 19-a horoj en la duagrada privata lernejo *Enfants et adolescents épanouis*, je kelka distanco de la Afrika Oficejo en la urbo Lokossa. 41 gejunuloj, kies aĝoj situas inter 9 kaj 19 jaroj, sekvas la kurson.

Tiu lernosesio traktas kaj la historion de Esperanto kaj gramatikaĵojn i.a. diversajn vortfinaĵojn kaj la konjugacion de verboj. Ankaŭ personaj pronomoj, kelkaj sufiksoj kaj baza vortprovizo ne prisilentiĝas dumkurse. La kurson gvidas laŭ la metodo de Hubert Ferez la estrarano de BOJE, nome Emile Agbassou kun helpo de Modeste Sodokin, sub la inspektado de Latifou Gbadamassi.

La ideo pri tiu agadprogramo ĝermis en la kapo de s-ro Ekon Aubin – mezgrada instruisto pri historio kaj geografio – kiu interesiĝis pri Esperanto kaj ekrilatis kun mi tuj post mia reveno de la 100-a Universala Kongreso. Li mem eklernas la lingvon kaj helpas en la varbado de pli da gelernantoj per konstanta reklamo pri Esperanto.

Diskutoj jam estiĝis inter la landa asocio (ABeE) kaj Bernard Gnacadja, prezidanto de BOJE, pri okazigo de serio da seminarietoj tra la jaro por altigi la lingvokonon de la kursanoj. La 1-a seminario probable okazos en la sama kursejo tre baldaŭ.

**Latifou Gbadamassi**

**Legu la bultenon *Esperanto en Afriko***
**en la reto: www.esperanto-afriko.org**
**Vi estos bonvena inter la legantoj!**

# Vizite al Esperanto-kluboj en DR Kongolando




Estas ĝoje por mi raporti pri mia turneo al la provinco Centra Kongo (Bas Congo), renkonte al la tieaj E-kluboj la 16-an de januaro 2016.

Mi vizitis la E-klubon *Verda Flago* de Mbanza Ngungu, kie mi diskutis kun la e-istoj, pri la reorganiziĝo de la klubo. Kune kun ties prezidanto Masha Matondo Masala, ni decidis kontakti ĉiujn malnovajn esperantistojn de la zono por la relanĉo de pli vigla kluba vivo.

La sekvan tagon mi sukcese atingis Kimpese, kaj tie ankaŭ mi kunvenis kun kelkaj tieaj esperantistoj, helpe de la prezidanto Balui K. Fwauna. La kunveno okazis en promesplena etoso, tiel ke ĉiuj unuanime pretas redoni viglan elanon al la klubo kaj per tio, konstante ebligi al novuloj kaj komencantoj lerni la lingvon dum la klubaj kunvenoj.

Ĉie, kien mi vizitis montriĝis la sama bezono de lerniloj. Aŭskultantoj de la radioprogramo *Espéranto en Marche* precipe en la regiono de Kisanganio, Lubumbashi kaj Mbandaka petas lernolibrojn. La estraro de nia landa asocio ja faras ĉion, kion ĝi povas por laŭeble kontentigi ĉiujn petojn. Ĝi plie konsilas kaj kuraĝigas la kursgvidantojn pri la uzo de bitmaterialoj, kiuj preskaŭ senkoste elŝuteblas en la reto por poste fari kopiojn al siaj kursanoj.

Certe la bezono de lerniloj estas reala, sed estos pli bone se anstataŭ de eksterlando sendi lernolibrojn al DKEA oni ebligas al ĝi akiri aŭ havigi maŝinon (ekz. komputilon kun presilo) por kopii surloke la materialon aŭ produkti la bezonatan materialon. Certe estas pli facile ĝiri monon por pagi kopiadon en DR Kongo ol sendi lernolibrojn.

**J.P. Lungikisa Sumbu**

# Kelkaj ideoj por konstrui viglan kluban vivon

La tri specoj de agado en loka klubo estas: **varbado, instruado kaj praktikado**.

La uzado de la lingvo estas la plej grava, kaj la varbado de novaj membroj ne bezonas apartajn klopodojn, se la utiligado de la lingvo estas interesa kaj alloga. Se klubo havas bonan reputacion pri siaj programoj kaj pri amika etoso, ĝi ne plu bezonas altiri novajn lernantojn. Ili venas spontanee.

Jen kelkaj ideoj pri la uzado de la lingvo en klubo:

La klubkunvenoj okazas ofte kaj oni parolas nur Esperanton. La membroj povas rakonti pri io interesa – ekzemple la ricevo de eksterlanda letero, kies enhavo povas esti diskutata kaj al kiu oni povas fari komunan respondon.

Oni rakontas pri libroj aŭ artikoloj ĵus legitaj.

Oni verkas artikolojn pri la kluba vivo, pri loka vivo, pri la lando. Tiuj artikoloj povas interesi alialandajn korespondemulojn aŭ klubojn.

Novaj membroj en la klubo ricevas atenton.

Ili bezonas kontaktojn en eksterlando, kaj por trovi korespondemulojn ili bezonas helpon. Ili faru priskribon pri si mem (malgrandan biografion) kaj sendu ĝin al Koresponda Servo Mondskala (KSM, Japana Instituto), aŭ al iu kiu anoncis en gazeto aŭ fejsbuka paĝo sian deziron korespondi.

Kelkaj libroj kaj gazetoj povas funkcii kiel biblioteko. Ĉiu povas prunti kaj legi la librojn. Studlibroj, vortaro, legolibroj, eĉ video-sonaĵoj estas tie por ĉiu troveblaj. Se la klubo ne havas propran ĉambron (kio ofte okazas), la biblioteko povas resti en la hejmo de iu membro aŭ en lernejo.

Oni faras muzikon, kantas, dancas. Se unu klubano posedas poŝtelefonon, ekzemple oni povas registri komunajn kantojn en Esperanto kaj afiŝi ilin en la reto.

Festoj, ekskursoj, komunaj manĝoj, ktp estas ĉiam agrablaj momentoj. Sed… oni parolas nur en Esperanto.

**El la revuo Babilanto**

# Esperanto-forcejo: orfa baz-lernejo Njiwa




Ni kreis en 2009 klubon, *Verda Stelano-Klubo* (V.S.K). En 2012 Esperanto havis duonhoran spacon en la loka radio Racou FM, tamen tio daŭris nur du monatojn pro akraj sekurecaj malordoj. Mi fuĝis al Ugando. Reveninte hejmlanden en januaro 2014, mi daŭrigis mian propagandeman laboron, rezulte de kio mi sukcesis persvadi la estron de la radio *Alliance FM*, s-ron John Koraho, pri la neceso ekinstrui Esperanton per sia radio. La kurso duonhora de tiam ĝis nun okazas regule ĉiun mardon, kunlabore kun VSK kaj tiel ni atingas grandan publikon.

En aprilo samjare, mi faris viziton al la pastoro Ngango Muhima kune kun s-ro Honoré Sebuhoro petcele enkonduki Esperanton en sian orfan elementan lernejon Njiwa. Li favore aprobis. Li komprenis, ke tiu lingvo valoras neniesgenta, amikiga kaj taŭga ilo por forneniigo de lingva diskriminacio kaj tribismo nocantaj la nunan socian tavolon, kaj ke ĝi kontribuas al la paco-konstruado en la mondo. Ni decidis apartigi la lernantojn laŭ iliaj lega kaj skriba kapabloj. Sinjoro Obed Niyonchutu helpas la baznivelajn lernantojn en vartejo, Joel Muhire la ceterajn. Dum la ĉiusemajna radio-elsendo, mi invitas du aŭ tri lernantojn por poem-deklami aŭ kanti. Post hezita komenco, la lernantoj ekŝategas Esperanton tiel ke ili petas lerni plu, eĉ libertempe. Nia orfa lernejo Njiwa bezonas lern-instigajn esperantaĵojn por lega ekzercado, flagon, komputilon, fotilon k.s. Se vi iumaniere pretas subteni nin, ni antaŭdankas.

Ni tiel kune akvumu la jam semitajn semojn en tiu Esperanto-forcejo por plena kresko.

**Joel Muhire**

## Limdato por *Esperanto en Afriko* n-ro 28: 15-an de junio 2016

*Kion faras via landa asocio aŭ via loka Esperanto-klubo en via loĝloko? Bonvolu verki kaj sendi artikolon pri tio. La redakcio ricevas ankaŭ fotojn. Bonvenaj kompreneble ankaŭ estas sugestoj, konsiloj, komentoj por la plibonigo de la bulteno al: <afrika.oficejo@gmail.com>, <adjevia@gmail.com> aŭ aerpoŝte al: Afrika Oficejo de UEA, B.P. 416, Lokossa-Mono, Benino; tel./fakso: +229 224 10 229.*

*"Esperanto en Afriko" estas trimonata oficiala periodaĵo de la Afrika Komisiono de UEA pri la Afrika Esperanto-movado.*

***Redaktas:** Adjévi Adjé, 06 B.P. 61807, Lomé – TG, Togolando; tel.: +228 902 57 549, 995 72 623.*

**Membroj de la Afrika Komisiono de UEA:**
1- **Kunordiganto** – Adjévi Adjé, Togolando
2- **Vickunordiganto** – Jean Codjo, Kanado
3- **Junulara agado, TEJO-sekcioj** – Jérémie Sabiyumva, Burundo
4- **ILEI-sekcioj, regionaj agadoj** – Émile Malanda Nianga, Sudafriko
5- **Landaj asocioj, kluboj** – Jean Bosco Malanda Lutete, DR Kongolando

# Superrigardo pri la Afrika Agado en la jaro 2015

**Kadre de la Afrika Agado, oni konsciigis, kapabligis kaj prizorgis la komunumojn. Afrika Komisiono de UEA per la Fondaĵo Afriko povis okupiĝi pri Esperanto en la kontinento kaj mem aŭ en ligo kun amikoj de Afriko kaj lokaj agantoj realigi konkretajn agadojn en la jaro, laŭ la strategiaj prioritatoj de Universala Esperanto Asocio.**

**Konsciigo**

La komisiono per informaj materialoj, kiujn ĝi produktis, informis pri Esperanto en la reto kaj en ĉeestaj aranĝoj, ekzemple dum la universitata foiro en Togolando.

Ni kreis retpaĝaron www.esperantodkea.jimdo.com por la kongolanda asocio DKEA, kaj unuafoje sukcesis kunreklami Esperanton en Suda Sudano, pri kiu estis kreita provizora retejo: www.esperantosudan.jimdo.com. La komisiona retpaĝaro kaj tiuj de lokaj grupoj kaj asocioj, nutriĝis regule per freŝaj Esperanto-novaĵoj.

La bulteno *Esperanto en Afriko* eldoniĝis rete kaj paperforme dufoje kaj ĉiuj 4 jaraj numeroj de la retrevuo *Babilanto* aperis kaj printeblas ĉe: www.esperanto-en-togolando.jimdo.com.

Kreiĝis novaj efikaj retlistoj por la help-komisionanoj, la konsilantaro kaj aparte mencinda estas la fejsbuka diskutlisto starigita de la komisionano Emile Malanda Nianga. Tiu ĉi forumo kunligas nun pli ol 100 afrikanojn en libera ideoŝanĝa umado.

En la kadro de la agado en la landoj BRICS, Elisée Byelongo Isheloke iniciatis laborrilatojn en Suda Afriko kun Dr Fu, la estro de la enlanda Konfucea Instituto.

**Kapabligo**

Tiukampe okazis kontribuo al edukado en Afriko, ĉar lerno-kunvenoj kaj lingvaj kursoj (ĉeestaj kaj perkorespondaj) aranĝiĝis aparte en la universitato de Kinŝaso (DR Kongo) kaj en kluboj tra Burundo, Madagaskaro kaj en pliaj landoj, helpe de lokaj agantoj.

De la Afrika Oficejo en Benino disiris lernomaterialoj al ĉiuj, kiuj petis, ekzemple al Tanzanio, Niĝero, Kenjo ktp. La komisiono helpis en la organizo de la dua seminario pri Aktivula Maturigo en DR Kongolando kaj nun estas en kunpreparado de la tria Afrika AMO, kadre de la 6-a Afrika Kongreso en Bunda, Tanzanio, en la du unuaj kongresaj tagoj.

**Komunumo**

Ni havis kontakton kun delegitoj, fakaj asocioj cele al ilia revigligo. Same, estis entuziasmigo de la rilatoj inter esperantistoj per interkomunikado en la dissendlistoj de ĉiuj unuopaj landoj. 20 da tiaj listoj nun funkcias en la kontinento kiel forumoj, kie oni informis pri siaj agadoj kaj levis diversajn demandojn pri la lingvo kaj la komunumo.

Nenecese prisilenti novajn eblojn por pruvi la utilon de Esperanto en la ĉiutagaj vivagadoj, des pli ke en Togolando grupo da aktivuloj prenis sur sin ĉiukunvene instrui al interesuloj pri manaferoj per Esperanto, kadre de la tradicia Babilmanĝa Renkontiĝo en la ĉefurbo.

En februaro, tiutempa prezidanto de la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO) – Łukasz Żebrowski – vojaĝis al Kenjo kaj Burundo. Lia vizito al Afriko i.a. celis transdonon de kolektitaj materialoj de TEJO kiel komputiloj kaj televidilo al la burunda asocio kaj esploron pri fareblo de la Internacia Junulara Kongreso (IJK) en tiu lando.

Unuopaj komisionanoj partoprenis Esperantajn aranĝojn kaj kunvenojn, dum la komisiono sendis salutmesaĝojn al kelkaj aranĝoj en la kontinento kaj ekster ĝi.

Tanzanio estos la lando de la 6-a AKE, pro la malfacila situacio en Burundo. Informoj ĉe: www.esperanto-afriko.org.

Aliaj atingoj koncernis kontribuon al Esperantaj amaskomunikiloj per artikoloj al gazetoj (ekz. revuo *Esperanto*), voĉregistraĵo pri lingva situacio en Togolando ĉe la reta radio Muzaiko, kolekto kaj enretigo de verkaĵoj de afrikanoj, serĉon de provlegantoj kaj de rimedoj por elpresi la lernolibron de la esperantisto Emmanuel Rafiki; sen forgesi eldonon de la lernolibro *Esperanto mu Kikongo* [Esperanto el Kikongo] fare de Batangu Mpesa, membro de la kongolanda asocio.

**Kunordigo**

La komisiono konsilis la estraron de UEA pri evoluo de la agado en Afriko, kaj ekagis por la temo la "Jaro de la Lernanto", informis pri servoj kaj la programo "Ni semas" de UEA.

Afrika Oficejo eksurvojis al modernigo, venis tiucela subteno pri la oficeja taskaro, kiu pli kaj pli plenumiĝis efike kaj profesie, danke al firmigo de la laborrilatoj ene de la internacia reto de kunlaborantoj.

Dum la jaro estis kontakto por kunligi landajn asociojn, klubojn kaj aparta subteno al kreado kaj plifortigo de landaj asocioj en Kenjo kaj Tanzanio. Espereble, tiuj ĉi rapide maturiĝos por peti aliĝon ĉe UEA en la tuj sekvaj jaroj.

Ni povis same instigi grupojn, landajn asociojn formi virinan, TEJO- kaj ILEI-sekciojn, decidis kaj disdonis jaran subvencion al la benina asocio ABeE, al la burunda ANEB, kongolanda DKEA, togolanda UTE kaj al du kluboj en Kenjo kaj Niĝero. Klubo en Tanzanio estis premiita en konkurso de la Afrika Oficejo.

La komisiono varbis monon por Afrika Fondaĵo kaj por la 6-a AKE, per alvokoj kaj vendado de la libro *Afrikaj Proverboj*. En tiu ĉi monvarbado ludis ŝlosilan rolon la estrarano pri Afriko Lee Jungkee al kiu ni dankas tie ĉi.

La afrikaj budo kaj informkunveno dum la jubilea UK en Lillo estis aranĝitaj kunlabore kun afrikanoj, kiuj sukcesis vojaĝi subtene de UEA aŭ kiuj ricevis privatajn inviton kaj garantiojn. La komisiono peris abonojn por la revuo *Juna Amiko* kaj ĝi reklamis membrecojn por UEA kaj ILEI.

Okazis rearanĝo de la Afrika Komisiono, kies funkciadon prizorgas kvin-persona komisiono Adjévi Adjé (TG), Jean Codjo (BN/CA), Jérémie Sabiyumva (BI), Emile Malanda Nianga, (CD/SA), Jean-Bosco Malanda Lutete (CD). Kaj dek helpkomisionanoj kun reprezentiĝo el ĉiuj regionoj de la kontinento.

**Afrika Komisiono**

# Unuopaj landaj agadraportoj en la jaro 2015

## Benino: ABeE

La instruado de Esperanto estas la precipa rimedo por disvastigi la internacian lingvon. Tial ĉi unu el niaj plej gravaj klopodoj estas trafe organizi tiun ĉi instruadon, ke ĝi produktu esperantistojn. Kiel kutime, la Ne-Registara Organizo ''Infanoj Ĉirkaŭ Afriko''daŭre apogis la instruadon de Esperanto en du lernejoj, kie ni havis kontakton kun la gelernantoj. Temas pri la ŝtata mezlernejo n°1 en urbo Azove kaj ŝtata duagrada lernejo en la vilaĝo Ayahohoué. Same, okazis kontakto kun la klubo ''Nova Sento'' en la vilaĝo Hondjin.

Esperanto-instruado kaj lernado, dank' al la subteno de ''Infanoj Ĉirkaŭ Afriko'', okazis, post normalaj kurshoroj, laŭ difinita programo.

La projekto ''Lerni Esperanton per Afrikaj lingvoj kaj afrikajn lingvojn per Esperanto'' pluokazis. Fakte, lernojaron 2014-2015, lernejanoj en ŝtataj mezlernejoj Ayahohoué kaj Azovè en la departemento de Couffo (Kufo) sekvis kursojn tiukampe. Ĉar en tiu benina regiono, Kufo, la ĉefa

loka lingvo estas ''Aĝagbé'' [aĝagbea], multfaceta scio, kun traduko en Esperanto, estis transdonita al la kursanoj en sia gepatra lingvo. La kursoj konsistis el multaj paŝoj; ĉe ĉiu paŝo iu specifa temo estis pridiskutita. La diversaj temoj pritraktitaj estis: alfabeto, bestoj, pronomoj, koloroj, numeraloj, la tagoj de la semajno, la monatoj de la jaro kaj la homaj korpopartoj. La enhavo de la temoj estis skribita en aĝagbea kun traduko en Esperanto. Ne mankis ekzamenoj. Fine de la lernojaro, la ĉeestantoj ekzameniĝis dufoje. Diktaĵo surbaze de la alfabeto konsistigis la unuan ekzamenon kaj tradukekzercoj pri diversaj temoj kaj bildoj de bestoj kaj objektoj, la duan, kiu estis konsiderata kiel resumo de la tuta lernado en la lernjaro.

En la 48-a ILEI-konferenco en Oostende (Belgio) kaj la 71-a IJK en Wiesbaden (Germanio), mi prelegis pri Projekto ''Lerni Esperanton per afrikaj lingvoj kaj afrikajn lingvojn per Esperanto''. La okazo estis uzita por priparoli i.a., la fundamenton kaj celojn de la projekto. Menciindas la lingva festivalo en kiu mi prezentis la joruban, mian gepatran lingvon. La ĉeestantoj povis malkovri tiun dialekton, praktiki ĝian alfabeton kaj kelkajn salutvortojn

Ili rolis kiel disvastigiloj. Temas pri T-ĉemizoj, poŝtmarkoj kaj prospektoj, ĉiuj kun reklamaj tekstoj en kvar afrikaj lingvoj, nome la Fongbea/fonua, Kotafongbea/kotafonua, joruba kaj Aĝagbea kun, kompreneble, traduko en Esperanto. Tiuj produktaĵoj vendiĝis tra la jaro en Esperantaj aranĝoj precipe en Eŭropo. En la libroservo de UEA en Lillo, tiuj aĵoj ankaŭ kaptis la atenton de kelkaj vizitantoj, kiuj senhezite ilin aĉetis. Aldoniĝis la 4 jam pretigitaj libretoj. Ili estas: a) ABC en la Fongbea kaj Esperanto, b) ABC en la Aĝagbea kaj Esperanto, c) ABC en la Joruba kaj Esperanto kaj ĉ) ABC en la Kotafongbea kaj Esperanto.

S-ro Rob Moerbeek volonte helpis kontrollegi kaj plibonigi la Esperantan version de tiuj libretoj. Fakte, la korektado okazis per la reto.

Krom lingvaj ludoj kaj paroligaj kursoj, parto de la kunvenoj estas uzita por fari teatraĵojn. Ne mankis interŝanĝo de leteroj inter miaj gelernantoj kun junaj esperantistoj el aliaj mondpartoj. Tiuj aktivecoj ebligis al la lernantoj plialtigi sian lingvokapablon en Esperanto.

**Latifou Gbadamassi**

****************************

## Burundo: ANEB



La laboroj pri instruado de Esperanto, vizitoj al kluboj el diversaj regionoj kaj la malfermo de du klasoj en la Esperanta Centro de Rumonge realiĝis sukcese. Tamen, pro la situacio politika enlande kelkaj buĵumburaj esperantistoj devis forfuĝi al najbaraj landoj. Rezulte ne povis konkretiĝi ĉiuj niaj planoj sukcese inkluzive la organizo de la 6-a Afrika Kongreso, kies aranĝon fine transprenis Tanzanio.

Kelkaj instruistoj de nia asocio sindonis kaj instruis la lingvon al gelernantoj de la mezgradaj lernejoj en Rumonge, Dama, Gatete, Kibasha, Iteba, Gasanda, Kajabure, Nyagasaka, Nyanza Lac, Mugara. E-kursoj okazis en unu klaso de la Centro, kun partopreno de enloĝantaj de Rumonge. Ili lernis la lingvon 3 tagojn semajne (vendrede, sabate kaj dimanĉe dum du horoj tage).

La sekretario de ANEB, la kasisto, la prezidanto kaj kelkaj instruistoj de Esperanto akompanis tiujn estraranojn de la asocio dum vizitoj al diversaj Esperanto-kluboj. Entute estis vizititaj la kluboj de Rumonge, Gasanda, Nyanza Lac, Kibasha, Kajabure.

Prezidanto de TEJO Łukasz Żebrowski vizitis ankaŭ esperantistojn de Ngozi, kie li renkontis junularan grupon kaj diskutis kun ili pri diversaj strategioj por plifortigi la movadon. Danke al tiu vizito, esperantistoj de Ngozi sukcesis starigi fortan organizon. La celo de la vizito de Łukasz en Burundo estis esplori pri farebleco de IJK, ĉar burundaj junuloj montris grandan emon okazigi IJK-n. Temas pri mezgrada lernejo en Buĵumburo (SOS kamenge) kaj laŭ Łukasz la loko taŭgas por okazigi IJK-n. La deziro ankoraŭ plu estas malgraŭ la politika situacio en la lando.

Martin venis al Burundo por helpi universitaton organizi sian bibliotekon, sed pro la tumulto en Buĵumburo, li ne povis plenumi sian taskon. Li tuj venis al Rumonge kaj kune ni vizitis diversajn E-klubojn. Ni vizitis esperantistojn de Nyanza Lac, ili montris kontentiĝon kaj la diskutoj kun ili estis tre interesaj.

Esperantistoj kaj aliaj legemaj personoj vizitis la Centron kaj legis diversajn librojn, kiuj troviĝas tie. La biblioteko nun entenas 678 volumojn: Esperantajn, francajn, svahilajn, rundajn kaj anglajn librojn. Ne nur esperantistoj, sed ankaŭ neesperantistoj vizitis la Centron kaj ĉiuj gratulis nin kaj nian asocion pro tiu atingo.

Antaŭ ol revojaĝi al siaj respektivaj hejmlandoj, Łukasz donacis televidilon kaj komputilon, dum Martin donacis komputilon al la landa asocio. Multajn dankojn al ambaŭ, al la paro Svetlana kaj Johan, iniciatintoj de la Centro en Rumonge kaj ankaŭ dankon al ĉiuj, kiuj subtenis finance la konstruadon de tiu Centro aŭ sendis al ĝi librojn.

Perspektive, nia asocio ANEB kandiditiĝos por organizi IJK-n en 2017 kaj ILEI-konferencon en 2018, tutesperante ke la situacio politika normaliĝos ĝis tiam en Burundo.

**Sabiyumva Jérémie**

*******************************

## DR Kongolando: DKEA



La jaro 2015 estis plena je Esperanto-agadoj, riĉa je atingaĵoj kaj eventoj. Inter tiuj menciindas la Internacia Tago de la Gepatra lingvo, Virina Tago, Internacia Tago de junuloj, Zamenhofa Tago, AMO-seminario, Ĝenerala Asembleo, E-koncertoj.

DKEA organizis tiujn ĉi eventojn en la komforta salono *Yenge* de sia nova sidejo. Rimarkinda fariĝis la kunlaborado kun la nacia Komisiono de Unesko, ĉar kun ĉi tiu ni komencis gravajn kontaktojn kun la enlanda ministerio pri edukado, cele al enkonduko de Esperanto en la bazajn lernejojn. Delegacio de la Konga Uneska Komisiono ĉeestis en ĉiuj eventoj, kiujn ni organizis en Kinŝaso. La membriĝo de s-ro Batangu Mpesa — scienculo kaj esploristo — en DKEA ne nur elstarigis la asocion, sed tio ankaŭ estis signifa apogo al la disvastigo de Esperanto landskale. Li eĉ monkontribuis por malpliigi la asociajn ŝarĝojn.

Kreiĝis multegaj kluboj tra la jaro, sed nur 19 el ili raportis pri siaj agadraportoj, kaj DKEA kompense disdonis al ili iom el la jara subvencio de UEA.

La aranĝo de 13-a AMO-seminario estis sukceso, ĝi grave traktis pri E-instruado en Kongo. La seminario donis okazon al spertaj E-instruistoj ekzerci sian talenton, plifortigi la instrukapablon de la nova generacio de instruistoj el Kinŝaso kaj provinco Bas Congo. Tiu agado preparis instruemulojn, kiuj poste dissemos Esperanton en ĉiuj provincoj de la lando. Estas notinde, ke la malferma tago de AMO-seminario koincidis kun la kampanjo "Montevideo 60". Ni do eluzis la okazon por rememorigi la rezoluciojn de Unesko favore al Esperanto.

La nacia Radio TV RTNC en Kinŝaso elsendis pri Esperanto ĉiuvendrede je la 22-a horo. Ankaŭ la radio *Espéranto en Marche* bone funkciis. Ĝi kovris la tutan jaron seninterrompe. Ĉiuvendrede estis registritaj elsendoj pri diversaj kaj variaj temoj. Entute 36 elsendoj okazis kun partopreno de multaj DKEA-anoj. Aliflanke, en la provinco Bas Congo TV kaj Radio stacioj RTVY ekde la 4-a de julio 2015 elsendis nur en du lingvoj Kikongo kaj Esperanto. Por la kontinua kaj bona funkciado de la radio-aktivaĵo ni bezonas ilojn kiel komputiltableton, kameraon kaj diktafonon.

Omaĝe al Hans Bakker, ni starigis E-kulturdomon kun lia nomo. Tiu domo mirinde dissemis la lingvon tra la urbo. Ĝia ĉefa rolo estas organizado de konversaciaj rondoj kaj disponigo de libro-servoj al la esperantistaro.

Kaj por fini, 2 virinoj de DKEA sukcese vojaĝis kaj ĉeestis en decembraj renkontiĝoj en Togo-lando, responde favore al invito de la organizaj instancoj ACE kaj UETA.

**J.P. Lungikisa Sumbu**

******************************

## Togolando: UTE




Dum 2015, nia landa asocio UTE diversmaniere aktivis por antaŭenigi Esperanton en Togolando.

JOTE – Junulara Organizo de Togolandaj Esperantistoj tute ne silentis; post lertigo de la estraranoj, ili vizitis lernejojn kaj ludejojn por paroli pri E-o al gelernantoj kaj spektantoj de futbalaj matĉoj.

TIETO, la instrufako de la landa asocio aranĝis kursojn kaj seminariojn je diversaj niveloj: komencantoj, progresantoj kaj malnovaj lernantoj de Instituto Zamenhof. Ĝi okazigis ekzamenojn A kaj B de ACE – Afrika Centro Esperantista. Ni ne forgesu, ke dank'al TIETO, pli ol 150 gelernantoj de IZo lernas Esperante kvin tagojn en la semajno. Ekde novembro, TIETO helpis eksgelernantojn de IZo pli bone kompreni lernejajn lecionojn liceajn kaj ankaŭ plulerni Esperanton. Deko da liceanoj sekvis tiun kurson.

Okazis entute 11 kunsidoj por pridiskuti la agadojn en la diversaj kluboj. Ĉi-kadre, 7 malnovaj kluboj revigliĝis. Temas pri Espero, K.E.K., Nova Stelo, Venko, Ŝton'5, Zamenhof kaj Nova Sento.

En junio, okazis seminarieto por prepari ĉiujn komitatanojn pri kiel efike reklami Esperanton.

La estraro zorgis pri la renovigo de la luita ĉambro de UTE kaj la reakiro de ties poŝtkesto.

Okazis ankaŭ sukcese la 23-a TEK en Vogan kaj en Anjronkpe kun 41 partoprenantoj (vidu la ĉi-supran foton). Okazis diskutoj inter la estraro kaj la estrarano de UEA pri Afriko s-ro Lee Jungkee pri ebla ĝemeliĝo inter UTE kaj Korea Esperanto-Asocio, sed tio ankoraŭ ne konkretiĝis. Paŝoj por akiri la NRO statuson de UTE estis faritaj kaj tre baldaŭ tio estos efektiva.

**Attaglo Kokou Evienyeame**

# Aliĝilo de la sesa Afrika Kongreso de Esperanto

1. Familia Nomo : ______________________________________________
2. Persona Nomo : ______________________________________ ▢ ino ▢ viro
3. Lando : ____________________ Loĝloko : _________________________
4. Strata aŭ poŝta adreso : ______________________________________
5. Retadreso : __________________________________________________
6. Telefono : _____________________ Poŝtelefono : ____________________
7. Naskiĝdato : ____________________ Profesio : _______________________
8. Mi konsentas, ke mia adreso aperu en la kongresa kajero : jes ▢ ne ▢
9. ▢ Mi bezonas invitilon :
   mia pasporta numero estas : __________ de la ŝtato __________ validas ĝis ________
10. ▢ Mi deziras aliĝi al AKE-6 kaj pagos la kotizon de la kongreso surloke.
11. ▢ Mi deziras aliĝi kaj pagas la kotizon al konto *Afriko* ĉe UEA kun indiko "AKE-2016".
12. ▢ Mi subtenas la kongresan kason per donaco de : ________ eŭroj.

**13. Loko, dato : ______________________ Subskribo : _______________________**

Bonvolu sendi la plenigitan aliĝilon al KOK : ake-2016@yahoogroupes.fr

## Aliĝkotizoj

La baza aliĝkotizo estas en eŭroj kaj dependas de tri landokategorioj kaj tri aliĝdatoj. Loĝado, manĝoj, ekskursoj kaj aliaj servoj estas aparte pagendaj por alikontinentanoj (vd. sube).

A: Norda Ameriko, Okcidenta Eŭropo, Japanio, Suda Koreio, Israelo.

B: Landoj de Orienta Eŭropo, landoj de Sud-Ameriko, Ĉinio.

C: Ĉiuj landoj en Afriko, nemenciitaj landoj ĉe A kaj B.

| Aliĝperiodo | ĝis 31.12.15 (jam pasis) | | | ĝis 30.05.16 | | | Surloke | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aliĝkategorio | A | B | C | A | B | C | A | B | C |
| Kotizoj en eŭroj | 20 | 15 | 2 | 30 | 25 | 5 | 40 | 35 | 10 |

## Loĝado

Ĉiunokta prezo por unu persono en la kongreseja amasloĝejo: 3 EUR.

Tamen en la kongresa urbo estas diversnivelaj hoteloj kun unuopaj, dulitaj ĉambroj kaj internaj banejoj kaj televidiloj. Eblas loĝi tie en komforto kaj sekureco kun matenmanĝo kontraŭ 15 eŭroj (aŭ pli) persone kaj nokte. La Kongresa Organiza Komitato rezervos hotelĉambrojn por ĉiuj, kiuj dezirus tranokti en hoteloj, sed proksime de la kongresejo.

Mi mendas loĝadon en la sube elektita kategorio :

▢ loko en unulita ĉambro en hotelo por ______ noktoj : ______ EUR (se sciate; alie KOK fakturos)
▢ loko en dulita ĉambro en hotelo por _______ noktoj : ______ EUR (se sciate; alie KOK fakturos)
▢ amasloĝejo en la kongresejo por _________ noktoj : ________ EUR (se sciate; alie KOK fakturos)

## Manĝado

Matenmanĝo kostas 2 eŭrojn, dum la prezoj por tag- kaj vespermanĝoj varias inter 3,5 kaj 5 eŭroj. ***Ĉiuj manĝoj okazos en la sama periodo, por ĉiuj partoprenantoj** kune.*

Mi manĝas :

▢ viandon kaj fiŝon; ▢ ne viandon sed fiŝon; ▢ nek viandon; nek fiŝon; ▢ nek viandon, nek fiŝon, nek ion el besto.